WIKIPEDIA

# Lezga lingvo

**Lezga lingvo** estas lingvo parolata de la lezgoj nun en suda Dagestano (respubliko de Rusio) kaj en norda Azerbajĝano.

| Lezga | |
|---|---|
| *лезги чIал* | |
| **Parolata en** | Rusio, ankaŭ Azerbajĝano, Kartvelio, Kazaĥio, Kirgizio, Turkio, Turkmenio, Ukrainio, kaj Uzbekio |
| **Regiono** | Suda Dagestano, okcidenta bordo de Kaspio, centra Kaŭkazio |
| **Parolantoj** | proksimume 450 000 |
| **Skribo** | cirila alfabeto |
| **Prononco** | [lezgi ʧʼal] |
| **Lingvistika klasifiko** | |
| Nordorienta kaŭkaza | |
| Lezgaj lingvoj | |
| **Lingva statuso** | 2 vundebla |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-2** | lez |
| **ISO 639-3** | lez |
| **Glottolog** | lezg1247 |
| **Angla nomo** | Lezgian |
| **Franca nomo** | lezghien |
| **Vikipedio** | |

## Enhavo



## Klasifiko

La lezga apartenas al la grupo de lezgaj lingvoj de la nordorienta kaŭkaza (dagestana) lingva familio.

## Alfabeto

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| А а | Б б | В в | Г г | Гъ гъ | Гь гь | Д д | Е е |
| Ё ё | Ж ж | З з | И и | Й й | К к | Къ къ | Кь кь |
| КI кI | Л л | М м | Н н | О о | П п | ПI пI | Р р |
| С с | Т т | ТI тI | У у | Уь уь | Ф ф | Х х | Хъ хъ |
| Хь хь | Ц ц | ЦI цI | Ч ч | ЧI чI | Ш ш | Щ щ | Ъ ъ |
| Ы | Ь ь | Э э | Ю | Я я | | | |

| Ы | Ю |
|---|---|

# Geografia distribuo

En 1996, la lezga estis parolata de proksimume 257 000 homoj en Rusio, ĉefe en suda Dagestano, kaj ankaŭ de 171 400 homoj en Azerbajĝano. La lezga estas ankaŭ parolata en Kartvelio, Kazaĥio, Kirgizio, Turkio, Turkmenio, Ukrainio, kaj Uzbekio. La tuteca kvanto de parolantoj estas proksimume 451 000.

## Oficiala statuso

La lezga ne estas oficiala lingvo, sed estas unu el ses literaturaj lingvoj de Dagestano.

## Parencaj lingvoj

Estas dek lingvoj en la lezga lingva familio, nome: agula, tabasara, rutula, lezga, caĥura, buduĥa, kryza, ĥinaluga, udi kaj arĉi.

La Qusar-Quba dialekto parolata en Azerbajĝano diferenciĝas konsiderinde de la norma lingvo.

# Gramatiko

La lezga estas nekutima por nordorientaj kaŭkazaj lingvoj en tio ke ĝi ne havas substantivajn klasojn. Literatura lezga gramatiko havas 18 substantivajn kazojn, el kiuj 12 estas ankoraŭ uzataj en parola konversacio.

# Bibliografio


- Haspelmath, Martin. 1993. *A grammar of Lezgian - Gramatiko de lezga*. (gramatika biblioteko Mouton; 9). Berlino & Novjorko: Mouton de Gruyter. – ISBN 3-11-013735-6
- Talibov, Bukar B. kaj Magomed M. Gadžiev. 1966. *Lezginsko-russkij slovarj - lezga-rusa vortaro*. Moskva: Eld. Sovetskaja Enciklopedija.


# Eksteraj ligiloj

- Raporto por lezga de Ethnologue (http://www.ethnologue.org/show_language.asp?code=lez)
- Notoj pri la lezga lingvo (http://www.lezgi.republika.pl/chal.html)
- Lingvoj de la Monda raporto (http://languageserver.uni-graz.at/ls/lang?id=3072)

| Oficialaj lingvoj de Rusio | |
|---|---|
| **Tutŝtata oficiala (ŝtata) lingvo** | rusa (→) |
| **Lingvoj oficialaj (ŝtataj) en federaciaj subjektoj** | abaza · avara · agula · adigea · azerbajĝana · sudaltaja · baŝkira · burjata · dargva · inguŝa · kabarda-ĉerkesa · kalmuta · karaĉaja · komia · kumika · laka · lezga · nogaja · maria · mokŝa · oseta · rutula · tabasarana · tatara · tata · tuva · udmurta · ĥakasa · caĥura · ĉeĉena · ĉuvaŝa · erzja · jakuta |
| **Lingvoj kun oficiala statuso** | vepsa · dolgana · kazaĥa (→) · karela · komipermjaka · mansa · neneca · selkupa · finna · ĥanta · ĉukĉa · evenka · evena · jukagira |

Elŝutita el "https://eo.wikipedia.org/w/index.php?title=Lezga_lingvo&oldid=6605563"

